


# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*

CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO
ESPERANTISTA. SÍDLO : PRAHA I. 342.
KAVÁRNA „UNION“. KANCELÁŘ A UČEBNA:
II. VODIČKOVA ULICE 38. REDAKCE REVUE:
II. DITTRICHOVA ULICE 7.

**Členové klubů sdružených v „Ústředním Svazu Bohema Unio Esperantista“ a těch, které za jeho součinnosti se ustavují, dostávají tuto revui za roční předplatné K 2·50 prostředniotvím pp. jednatelů.** Roč. I.—IV. pro členy B.U.E. po K 2·20.

*Klub Esperantistů v Praze („U Donátů“) dává svým členům tuto revui zdarma.*



**1911.** **KVĚTEN — MAJO.** **V. 5.**



**Roční předplatné: 3 K.** Roč. I.—IV. po K 2·50. **Cena tohoto sešitu s přílohou: 30 hal.**

# Časopis Českých Esperantistů
# Bohema Revuo Esperantista

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně **3 K** pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.
Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (**Fr. 3·75** = 1·50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata laŭ adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II. (Bohemujo - Aŭstrio).**
II.—2023. Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskripton por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj prefere akceptataj.

* Účet poštovní spořitelny 93.281. *



## OBSAH — ENHAVO:

# La III. Kongreso de Bohemaj Esperantistoj

kaj

# la II. Konferenco de Aŭstriaj Esperantistoj

okazos la 8., 9., 10. de septembro 1911

**en Praha.**

*Kiel estis en la I. Aŭstria Tago en Wien decidite la pasintan jaron, la Centra Asocio Bohema Unio Esperantista estas ŝarĝita per la tasko prepari la II. komunan manifestacion en Praha kaj ĝi invitis por tiu celo reprezentanton de la germana societo en Praha „Verda Stelo", same, kiel la organizinto de la I. Tago, la Ligo de germanlingvaj esp grupoj en Aŭstrio, laboris en konsento kun la Bohema Klubo en Wien. Laŭ la preparaj kunvenoj, kiuj okazas en la kancelario de B. U. E. ni povas sciigi, ke la konferenco estos por nia movado grava precipe pro la plenumotaj komuninteresaj demandoj, kiel estas ekz. enkonduko de Esperanto en la komercistaron, en la lernejojn k. s. Ni esperas, ke la konferenco kunigos ĉiujn niajn amikojn, kiuj estas per tiu ĉi invito samtempe atentigataj, ke ili sendu siajn aliĝojn sufiĉe frue. La prezo de la legitimacio kaj ĉiuj ceteraj detalaĵoj estos konigitaj en la proksima numero kaj en la naciaj gazetoj.*

*Oni povos priparoladi en la kunsidoj sole proponojn, kiuj venos antaŭ la 15. de aŭgusto, por la malpli frue venontaj oni ne povas garantii sufiĉe da tempo en la programo. Ĉiuj proponoj estas sendotaj sole laŭ la adreso de la centra Asocio Bohema Unio Esperantista en Praha II. Vodičkova ul. 38. Ni petas, ke ĉiu samideano, kiu volas prezenti paroladon pri iu temo (esperantan), sendu la tekston laŭ la nomita adreso, por ke oni povu laŭ okazo presigi ĝian enhavon kaj disdoni ĝin al la gastoj.*

*La programo de la festoj estas ĝis nun starigita jene:*

*Ĵaŭdon, la 7. IX. vespere: Propagandaj paroladoj (bohema, germana kaj esperanta) kun ekspozicio de esperantaj presaĵoj.*

*Vendredon, la 8. IX.: Malfermo de la Aŭstria Konferenco. Paroladoj. Komuna tagmanĝo. Posttagmeze malfermo de la Bohema kaj Germana Kongresoj.*

*Sabaton, la 9. IX.: Promenado tra la urbo. Posttagmeze fakaj kunsidoj. Vespere esperantaj teatraĵoj.*

*Dimanĉon, la 10. IX.: Daŭrigo kaj fermo de la konferenco. Komuna tagmanĝo. Fermo de la naciaj kongresoj.*

*Ni aldonu, ke ĉiuj komunaj kunsidoj de la prepara komitato, same, kiel ankaŭ la aŭstriaj konferencoj mem, uzas sole Esperanton.*

# VINTRA KANTO.

*(El kolekto: „Kion la vivo alportis.“)*

Moto: — — dume vivu,
sed al la morto vi jam apartenas.
(Hamleto.)

Kia estas sorto malfavora,
ke mi ne renkontis vin en tiu tago,
kiam tra la vejnoj fluis varma sango,
kiam rozoj floris sur la juna vango
kaj la kor' sopiris je la sun' kaj ago.

Kiel sonus tiam mia kanto,
kiam vivoplena estis ĉiu membro
kaj ankoraŭ brulis en la kor' la flamo!
Malfavora estas vintra tag' por l' amo
kaj la rozoj ne ekfloras en decembro.

Nur la neĝo falas dum la vintro
kaj senvive staras arboj en ĝardeno:
dormas sur la tero ĉiu organismo,
korpon turmentegas nokte reŭmatismo
kaj malvarma estas nia ĉirkaŭpreno.

Nur malgajajn oni melodiojn
kantas, se la branĉoj estas sen la suko,
se ĉielon kovras nubo densa, griza,
se jam ĉesas bati koro paraliza
kaj sur tero kuŝas blanka mortotuko.

13./III. 1911. *Dr. Stan. Schulhof.*

# LA CELO KAJ SIGNIFO DE LA EKZAMENA KOMISIO DE B. U. E.

Nia centra institucio ricevis en sian lulilon multekostan baptodonacon, valoregan dokumenton. Neniu alia ol la aŭtoro de nia kara lingvo mem aprobas kaj sankciigas per ĝi la ekzamenan komision starigitan en konsento kun li dum la memorinda generala kunveno de B. U. E. la 19. VII. 1908. Li sendis sian aprobon al la komitato de Unio, respondante la raporton al li faritan pri la unua ekzameno.

Kvankam la enhavo de tiu ĉi letero estas sufiĉe konata al bohemaj Esperantistoj, tamen pro ĝia eksterordinara graveco ni citu la plej signifoplenajn punktojn:

„. . . . Viaj atestoj donos al ni baldaŭ multe da perfektaj Esperantistoj. Al ĉiuj Bohemoj, kiuj demandos min pri atestoj, mi kompreneble rekomendos la ekzamenojn en Via Unio.“

Do, laŭ la opinio de nia Majstro en niaj landoj dum nuna stato de nia afero neniu estas pli kompetenta juĝi la scion pri Esperanto krom nia ekzamena komisio, kiun li rajtigis eldonadi la atestojn.

La unua frazo citita montras la efektivan celon de la ekzamenoj: instigi al funda studado de Esperanto, iniciati noblan vetadon por la plej alta kaj honoriga premio, atesto pri kapableco instruadi Esperanton en la publikaj lernejoj, havigi al nia armeo nevenkeblan, bone armitan legion, fidinde taŭgan instruistaron de niaj adeptoj.

Kaj la publiko, interesiĝanta pri Esperanto, nun scias, al kiu sin turni por ricevi ĝustan kaj abundan fonton da instruoj. *Adepto*: Ĉu vi estas rajtigita kaj kapabla instruadi Esperanton? *Ekzamenito*: Jes, jen la atesto de B. U. E.

Kion vi nepre devas scii, volante provi la ekzamenojn elementan aŭ superan, montras nia ekzamena regularo, kiun senpage sendas sekretario de B. U. E. Sed tamen ni volas ĉi tie iom pli detale pritrakti kelkajn punktojn de la supera ekzameno kaj atentigi pri la vojo de studado.

Unuavice ni volas akcentigi, ke malprava estus la opinio, ke oni ne bezonas multe lerni por sukcesi ĉe la ekzameno.

Ĉu estas facila: flue konversacii pri la tiomfaka ordinara vivo? penetri la spiriton de nia lingvo kaj alproprigi al si la delikatajn nuancojn de ĝia sintakso? akiri bonan stilon? spertiĝi pri la esperanta literaturo, sufiĉe nun riĉa? konatiĝi kun la vivo esperantista, ĉiam pli komplikiĝanta?

Aliflanke ne perdu kuraĝon kaj studadu laŭ jenaj atentigoj: kapablecon flue interparoladi vi atingos sole - parolante. Serĉu okazon paroli kun bonaj Esperantistoj, aŭ, se vi estas izola, legu multe legu kaj, kion ni substrekas, legu laŭte. Ofte plendas la kandidatoj: „Mi ne havis okazon paroli.“ Al tiuj ni ripetas la vortojn de unu ekzamenito, kiu, demandita, kiel li ellernis tiel flue paroli, respondis: Mi legis laŭte.

Plue: Ne sole legi estas necese, sed studadi la bonajn tekstojn esperantajn, kun krajono en la mano, atenti la modelajn frazturnojn kaj vortfaradon, notadi, memorfiksadi. Por tiu celo havigu al vi la ĉefajn juvelojn de nia literaturo. En biblioteko de neniu Esperantisto manku antaŭ ĉio la verkoj de Dr. Zamenhof, el la vortaroj nemalhavebla estas tiu bonega de Kabe. Abonu esperantajn gazetojn (nepre Lingvon Internacian kaj la Revuon), legu en ili bibliografion, raportojn pri nia movado kaj sekvu laŭ la oficialaj protokoloj agadon de la kongresoj, kiuj estas koro de la vivo esperantista.

Pri la historio vin instruas la malnovaj jarkolektoj de Lingvo Internacia. (Vidu en tiu ĉi n-o la artikolon „Historio de E.“).
En ĉio multe vin helpos aliĝo al iu klubo, precipe kiu havas riĉan bibliotekon, interrilatiĝo kun spertaj Esperantistoj, vizitado de la kunvenoj kaj kongresoj kaj entute vigla partopreno en la esperantista movado.

*K. P.*

---

La 16. de majo kunvenis por la deka fojo la ekzamena komitato de nia Centra Asocio B. U. E. por juĝi la lingvan kapablecon de la kandidatoj. De post sia fondiĝo ĝi ekzamenis jam 30 kandidatojn, el kiuj 28 plenumis la elementan aŭ superan ekzamenojn kun sukceso tre bona aŭ bona.

Laŭ sia regularo ĝi kunsidas kvarfoje ĉiujare: dum pasko, pentekosto, je fino de septembro kaj dum kristnasko; la preciza dato estas anoncata en la jurnaloj. La takso 10 K (por membroj de B. U. E. 7 K.) estas sendota samtempe kun la aliĝo 14 tagojn antaŭ la difinita termino. En okazo, se la kandidato revokos sian aliĝon aŭ malsukcesos, li ricevas duonon de tiu ĉi sumo returnen. La ekzamena komitato konsistas el kvin personoj, kaj almenaŭ tri devas ĉeesti la ekzamenon. En la aliĝilo estu responditaj la sekvantaj demandoj: Nomo kaj antaŭnomo. Jaro kaj loko de naskiĝo. Profesio. Studoj. Kiel longe vi studas Esperanton? Laŭ kiuj verkoj? Kiujn librojn aŭ gazetojn esp. vi tralegis? Ĉu vi jam publikigis ion en Esperanto? Kiujn lingvojn vi scias? Ĉu vi estas membro de iu societo esperanta kaj de kiu?

Adreso de la Ekzamena Komisio: Praha II., Vodičkova ul. 38. Esperanto-Oficejo.

La proksima termino estas fiksita je la 8., 9. aŭ 10. septembro 1911.

# HISTORIO DE ESPERANTO.

(*Daŭrigo.*)

Dum ĉi tiu jaro la afero pli bone kreskis. La membraro de la asocio kvinobliĝis, kaj multaj usanaj ĵurnaloj komencis favore atenti la movadon. En aŭgusto 1909 la Dua Nordamerika Kongreso okazis ankaŭ en Chatauqua. Tie la ĉefa demando estis pri la loko por la Sesa, kiun tiam la eŭropa esperantistaro jam preskaŭ promesis al ili. Kelkaj deziris, ke ĝi okazu en Chatauqua kaj aliaj estis favoraj al la ĉefurbo Washington. Chautauqua kuŝas ĉe tre pitoreska lago, sed estas nur somera vilaĝo inter la montetoj; kaj Washington, kvankam ankoraŭ juna urbo kompare al eŭropaj ĉefurboj, jam estas tre bela. Pro la klopodoj de la Washingtona Komerca Ĉambro kaj ĝia promeso de financa helpo, la esper-

antistaro decidis favore por Washington kaj ordonis al s-o Edwin C. Reed, reprezentanto de la Esperantista Asocio de Norda Ameriko ĉe la Kvina kaj la oficiala delegito de la Usona Registaro, ke li oficiale invitu la Sesan.

Samtempe ili per voĉdonado pri diversaj punktoj iom ŝanĝis la konstitucion, responde al bonaj proponoj zorge elpensitaj de s-oj J. D. Hailman, J. M. Clifford, J. Mc. Kirdy kaj aliaj agemaj Esperantistoj. La ĉiujara elektado ankaŭ okazis kaj oni elektis por la venonta jaro la jenajn oficistojn: kiel prezidanton Lian Moŝton John Barrett, ĝen. direktoron de la Tut-Amerika Unuiĝo; kiel vicprezidanton Dr. H. W. Yemans; kiel ĝeneralan sekretarion-kasiston s-on Edwin C. Reed; kiel membrojn de la komitato prof. W. J. Spillman (estro de propagando), Doktorinon Ivy Kellerman (estro de ekzamenoj) kaj s-on James Mc. Kirdy (estro de eldonado). Oni ankaŭ voĉdonis, ke la centra oficejo Nordamerika estu translokigita al Washington pro la preparado de la Sesa Kongreso.

Kiam s-o Reed revenis de Barcelono al Usono li iris rekte al Washington, starigis la novan oficejon kaj komencis aranĝi la kongresajn aferojn. Je tiu tempo okazis esperantista edziĝo, kiu havis bonan influon je la propagando de Esperanto en Usono, ĉar ĝi kunligis du fervorajn eminentulojn. Ĝi estis edziĝo de s-o Reed kaj f-ino Dr. Kellerman; ĝi garantiis al la esperantista movado la daŭran helpon de ŝia klereco en filologio kaj grandan helpon por la sukceso de la Sesa Internacia Kongreso de Esperanto.

De la somero de 1909 ĝis aŭgusto 1910 la penso de ĉiu Esperantisto en Nordameriko sin turnis al Washington. Pro la kongreso kaj por ĝi li laboris, studis kaj propagandis. Pri la Sesa ĉiu scias kaj ne estas necese multon rakonti. Kvankam rilate al nombro de ĉeestantoj ĝi estis multe malpli granda ol antaŭaj kongresoj, tamen rilate al registaraj delegitoj la usonanoj certe sukcesis multege superi ĉiun alian kongreson. Danke la grandan influon de la prezidanto de la Esperantista Asocio de Norda Ameriko, s-o Barrett kaj klopodon de la sekretario-kasisto s-o Reed, ĉe la ministerioj en Washington, la Usona registaro invitis aliajn registarojn sendi delegitojn kaj ĝi mem sendis reprezentantojn de la ministerioj por milito, militŝiparo kaj publika instruado. Responde al la invitoj dektri naciaj registaroj kaj tri registaroj de usonaj ŝtatoj respondis.

Je fino de la Sesa okazis la Tria Nordamerika Kunveno, kie oni reelektis la oficistojn kaj decidis, ke la centra oficejo restu en Washington. Dum kaj post la Sesa aperis en multaj jurnaloj artikoloj pri la kongreso kaj pri Esperanto.

Je la unua de januaro 1911 s-o Arthur Baker, direktoro de „Amerika Esperantisto“ vendis siajn akciojn en la „American

Esperantist Company" al anoj de la Esp. As. de Norda Ameriko; la sidejo de la jurnalo translokiĝis al Washington kaj „Amerika Esperantisto" fariĝis oficiala organo de la usona esperantistaro. Ĉi tio kunigis ĉiujn centrojn de esperanta laboro, kaj plifortigis la centran oficejon en la ĉefurbo. Ĉi tiu oficejo antaŭ kelkaj monatoj estis nur unu ĉambro en kiu laboris s-o Reed kaj stenografisto. Sed la unuan de februaro 1911 la „Esperanto-Oficejo" fariĝis tri pli grandaj kancelarioj en kiuj laboris kvar helpantoj krom ĝia direktoro. Ili elsendas ĉiutage al demandantoj multe da informaj leteroj pri Esperanto, eldonas ĉiumonate malgrandan, angle presitan propagandan jurnaleton, kiun la registara poŝtfako portas ien ajn en Usono po kvindek por unu cendo (Sm 0·02), redaktas kaj eldonas ankaŭ la revuon „Amerika Esperantisto," kiu tiel multe pliboniĝis, ke nun ĝi certe estas unu el la plej bonaj kaj belaj gazetoj esperantaj en la mondo. Ĝia abonantaro, kiu je la unua de marto 1911 jam enhavis 4800 nomojn, rapide kreskas ĉiutage.

La plej bonaj lernolibroj, kiujn verkis la usonaj Esperantistoj, estas la „Amerikan Esperanto Book" (Amerika Esperanta Libro) de Arthur Baker kaj la „Complete Gramar of Esperanto" (Plena Gramatiko de Esperanto) de Dr-ino Ivy Kellermann. Ĉi tiu estas eble la plej plena gramatiko de Esperanto, kiu ĝis nun aperis en iu ajn lingvo, kaj ĝi estas uzata en tiuj lernejoj kaj universitatoj, kiuj havas kursojn esperantajn.

Pro la juneco de la movado en Usono nur malmutaj verkoj jam aperis. La ĉefaj estas „Kiel Plaĉas al Vi" (Shakespeare) tradukita de Dr-ino Ivy Kellerman kaj ludita ĉe la Sesa kaj „Sub la Meznokta Suno" de Lehman Wendell.

## PRAKTIKA TELEGRAFIO.

El la maja n-o de „Juna Esperantisto" ni legas interesan artikolon de majoro Jos. Tihanyi el Kaposvár (Hung.) pri la optika interkompreniĝo per nur 17 depeŝsignoj Morse'aj. La aŭtoro reduktas la kutiman alfabeton je 17 literoj, donante al kelkaj signoj duoblan signifon (ekz. j = y, k = g, s = z). Kiel konate, uzas la telegrafisto kombinajojn de punktoj (.) kaj strekoj (—); la signalisto ĉe la armeo transsendas la samajn optike: nokte per lampo, tage per standardo. Tamen ne estante telegrafisto aŭ militisto, oni povas iam utiligi la scion pri tiu ĉi transportado de ideo, eĉ se ĝi estus nur ĉe okazo de ekskurso, kiam oni volas paroli kun amikoj foririntaj malproksimen, aŭ je ĝisvidebla distanco inter la domoj. Ne estas malfacile memorfiksi la plenan alfabeton Mor-

se'an kaj tial, ne parolonte plu pri la suprecitita simpligo, ni pritraktu laŭ praktika flanko la tutan sistemon. Por povi rapide „skribi“ kaj „legi“ la tekstojn, vi devas scii parkere la formojn de ĉiuj signoj. Por ilin reteni en la memoro, uzu, kiel helpilon la sekvantan tabelon:

Kiam vi volas ekz. depeŝi la literon *b*, rememoru la vorton „belulino“. En tiu ĉi stereotipo la vokalo „*e*“ reprezentu la Morse'an strekon —, kaj la ceteraj vokaloj la punkton . , sekve — . . . (Sed la litero „*e*“ mem estas en la alfabeto sole punkto . kaj — signifas „t“).

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| a | . — | amén | l | . — . . | lotério |
| b | — . . . | bélulino | m | — — | mézé |
| c | — . — . | céntimétro | n | — . | néĝo |
| d | — . . | démono | o | — — — | |
| e | . | | p | . — — . | paréntézo |
| f | . . — . | fundamento | r | . — . | ripéti |
| g | — — . | génézo | s | . . . | simili |
| h | . . . . | historio | t | — | |
| i | . . | ido | u | . . — | unué |
| j | . — — — | jarcéntmézé | v | . . . — | vid-al-vid-é (vis à vis) |
| k | — . — | krédité | z | — — . . | Zépélino |

Literoj supersignitaj estu telegrafataj sen la supersigno, sole en okazo de duobla senco (kruĉo, kruco k. s.) estu la litero simpla telegrafata dufoje, sekve ŝ = . . . . . .

Krom la nomitaj: ch — — — — x — . . — y — . — — q — — . — w . — —

Fino de la depeŝo: . — . — . Alvoko: — . — . — Mi komprenis: . . . — . Komencu: — . — Atendu: . — . . .

| | | | |
|---|---|---|---|
| Numeraloj: . — — — — | 1 | — . . . . | 6 |
| . . — — — | 2 | — — . . . | 7 |
| . . . — — | 3 | — — — . . | 8 |
| . . . . — | 4 | — — — — . | 9 |
| . . . . . | 5 | — — — — — | 0 |

Per ĉi tiu provizo da signoelementoj vi povas transsendi ĉiun frazon ĉu per la telegrafo metalfadena ĉu per optika. Por la lasta uzu flagetojn aŭ tukojn (nokte lampojn) manipulante ilin jene: volante signaligi punkton levu unu brakon super la kapon kaj eksvingu ĝin (proksimume unu okonon de plena cirklo), por signaligi strekon eksvingu la manon (flagon) ĝis sub la horizontalan linion. Post ĉiu „punkto“ aŭ „streko“ devas la brako reveni ĉiufoje en fundamentan pozicion vertikalan. Post ĉiu signalita litero haltigu la brakon vertikale dum proksimume du sekundoj. Fino de vorto estu montrita per mallevo de la brako antaŭ si malsupren. Post ĉiu vorto devas la akceptanto respondi svingante

plenan cirklon antaŭ sia korpo. Eraro ĉi tie aŭ malkompreno aliflanke estu signalita per ok punktoj. Post tio rekomencu ĉiam la tutan lastan vorton. Finon de la depeŝo signaligu per tri plenaj cirkloj. Por la unuaj eksperimentoj uzu paperfolion kaj notu la vidatajn signojn.

# LINGVA FAKO — JAZYKOVÝ RÁDCE.

Legante esperantan tekston, sekvu ne sole la enhavon de la verko, sed notu plej atente ankaŭ ĉiun interesan gramatikan aŭ vortaran novajon, kiun vi renkontas por la unua fojo. Kaj en preskaŭ ĉiu libro oni trovos ion novan; tiam aperos al la leganto la vera riĉeco de la lingvo kaj la notitaj rimarkoj valoros por li kvazaŭ elserĉitaj juveloj. Se vi volas provi, ĉu vi estas jam almenaŭ tiom lertaj en Esperanto, ke vi povu verki iun bonan artikolon aŭ plenumi ekzamenon, ekzamenu vin mem plej frue: prenu la boheman originalon de Babička (ĉe firmo Kočí en Praha por 50 h) kaj traduku esperanten tiun parton de la teksto, kiu sekvos en la proksima numero de nia revuo. Kiam poste vi ricevos post unu monato la daŭrigon, komparu kaj korektu. En ĉiu okazo estas tia leciono tre bona. Kion noti ĉe legado de tekstoj? Ankaŭ pri tio vi vidas ekzemplon en la antaŭa jarkolekto de nia revuo: ĉu plaĉis al vi la diversaj eldiroj kaj vortturnoj ĉerpitaj el la romano „Marta"? Do, tian materialon notu kaj ĉerpu ankaŭ vi el la legajo. Se vi trovas ie ion nesufiĉe klara, aŭ, se iu demando gramatika ne ŝajnas esti facile komprenebla, skribu al nia redakcio kaj ni respondos private aŭ en tiu ĉi rubriko, kie ankaŭ aliaj povos ĉerpi instruon pri la sama demando. En ĉiu okazo legu unuavice la verkojn de Zamenhof.*) Insistu, ke la biblioteko de via klubo posedu almenaŭ kelkajn el ĉi tiuj verkoj kaj studu ilin plej detale. Ne kontentiĝu per proksimuma signifo de ĉiu vorto, sed serĉu la plej konvenan tradukon; malgraŭ tio, ke vi trovos en la vortaro ĉe unu vorto kelke da eblaj terminoj bohemaj, tamen la teksto postulos plej ofte unu precizan, ekz. prokrasti - odkládati, heziti - váhati, ŝanceliĝi - rozpakovati se, malrapidi - otáleti.

*) Jen ilia nomaro: Fundamenta Krestomatio (K 3·50), Georgo Dandin, triakta komedio (K 1·20), Hamleto, tragedio en kvin aktoj (2 K), Ifigenio en Taŭrido, dramo en kvin aktoj (2 K), La Revizoro, komedio en kvin aktoj (K 1·50), La Predikanto (K 0·75), La Psalmaro (K 2·50), La Sentencoj de Salomono (K 1·50), Marta (K 3·50), Lingvaj Respondoj (K 0·75), La Batalo de l' vivo (K 1·25), La Genezo (2 K), Rabistoj (2 K), El la historio de Esperanto, kongresaj paroladoj (K 0·60).

Diferencigu bone la esprimojn, kies nuanco estu ankaŭ reprodukt-ita en la bohema lingvo, ekz.: uzatajo - uzitajo: věc používaná - věc použitá. Multe da similaj ekzemploj vi trovos en la traduko de Biblio (vidu en La Revuo).

## Z CELÉHO SVĚTA.

Výboru **VII. Světového kongresu Esp.** v Antverpách došlo již 827 přihlášek. Pořadatelstvo pozvalo zástupce všech antverpských a některých bruselských denníků k čestné hostině, na níž podalo „vládcům tiskové velmoci" potřebné informace o našem hnutí. Již druhého dne objevily se v časopisech velmi příznivé a podrobné zprávy o připravovaném sjezdu a můžeme s jistotou tvrditi, že jejich vliv bude patrný. Městská rada zapůjčila potřebné štočky k vydání esp. průvodce po Antwerpách a povolila kongresistům bezplatnou návštěvu museí a radnice. Literární konkurs, o němž mluveno již na tomto místě, byl rozšířen o tato themata: Humoristická povídka, jíž Esp. jest podkladem (1 str. La Movado; dva umělecké předměty); užitek a praktický prospěch Esp. pro aviatiky (100 K), Popěvek (uměl. předm.); Popis národních mravů nebo: Národní legendy (1000 slov; dvě ceny: knihy v ceně 25 K). Původní nebo přeložené dílo 5—8str. o čemkoliv, s výhradním použitím kořenů Fundamenta (1. cena 28 K, 2. cena 20 K). Lhůta jest prodloužena do 15. července. — Čestné předsednictví kongresu přijali: velitel armádního sboru leut. generál Van Sprang, zem. maršál hrabě de Baillet-Latour, starosta de Vos, velitel městské stráže major Willaert a inspektor škol dr. Desguin. — Program šestidenního výletu po skončení kongresu uvádí návštěvu měst: Charleroi, Namur, Liège (jeskyně Han, Dinant), Spa, Ostende, Brugy, Gent, Brussel, Antverpy. V brzku vydaná Kongresní kniha bude přihlášeným rozdávána zdarma. Cena K 3·60. Během sjezdu vyjde v šesti číslech kongresní časopis; cena pro neúčastníky kongr. 1 K.

**Mnoho povyku pro nic za nic.** . . . slavná Delegace umřela konečně na dobro. Oficielně ji pohřbil její jednatel. Zdá se, že ostatně se mnoho netěší z výsledků své činnosti. Obec reformatorů se roztříštila, nesváry povstaly na všech stranách a ty čtyři nepatrné stovky stoupenců, které konečně získala pro Ido tříletá práce a obrovské výlohy, jsou nyní rozděleny ve tři nebo čtyři tábory, které mezi sebou bojují a z nichž každý jde jinou cestou. Bylo tudíž třeba začíti znovu od počátku. Poněvadž ona slavná Delegace nevyplnila svůj úkol, t. j. nesjednotila přátele myšlenky mezinárodního jazyka, musí se prý pokusiti znovu o dosažení takové dohody. Lstivě zvou nás k účasti v nové Delegaci, která ještě jednou chce n e s t r a n n ě vyvoliti nejlepší jazyk mezinárodní. V Bernu byl proto založen nový výbor. Stačí citovati jména předsedů a jednatelů, aby bylo všemu porozuměno. My, Esperantisté, poučeni minulostí, nedáme se již zlákati přestrojenými dobrodinci jazyka mezinárodního; n o n b i s i n i d e m. Nepadneme po druhé již do té léčky. Celému světu, všemi prostředky prozradíme onu novou lest, osvětlíme „pěknou" nestrannost jejích strůjců, zdiskreditujeme tuto novou pošetilost. Esperantu netřeba ničí pomoci; postupuje vlastní silou. To vědí předobře lstiví zakladatelé nového výboru. Vědí (protože to i píší), že ponechá-li se věc

přirozenému rozvoji, Esperanto beze vší pochyby zvítězí. A dříve, než bude příliš pozdě, chtějí zastaviti vítězný postup našeho jazyka bez přestání vyvolávajíce nové hádky, aby zviklali důvěru celého světa. Nejlepší způsob, jak vzdorovati takovému počínání, jest, nevšímati si jich, nebo uváděti veřejně ve známost jejich pravý cíl a při tom neochvějně pracovati na propagandě našeho drahého Esperanta. (Tolik Bourlet v „Revuo“ o „nové Delegaci“, ustavené na popud prof. Ostwalda, předsedy svazu a zástupce „definitivního“ návrhu Ido, jazyka vypěstovaného ve vědeckých zkumavkách učenců, kteří považují za svou povinnost býti slepými vůči praktickým výsledkům a úspěchům Esperanta.)

**Mezinárodní výstava pro cestování a turistiku v Berlíně,** na níž Esperanto jest zastoupeno vlastní exposicí, potrvá od 1. dubna do 20. června. Výstavní výbor věnoval zdarma Německému Svazu Esp. 20 čtv. metrů ke zřízení esperantského oddělení ve hlavní dvoraně. Sbírka vystavených publikací poskytuje dokonalý přehled našeho hnutí: vedle 107 vycházejících časopisů obsahuje všechny důležitější spisy esp., průvodce, cenníky, statistické přehledy, hudebniny a j. Zájem o výstavku jest tak živý, že často ani přítomných šest členů esp. klubu nemůže vyhověti všem dotazům. Vedle četných návštěv jednotlivých Esp. budou uspořádány na výstavu výlety hromadné (UEA). — Akc. společnost pro učebné pomůcky v Berlíně vydala několik válců **fonografických** s esp. texty; mezi jinými zachycen též monolog z Hamleta, proslovený E. Reicherem, iniciatorem esp představení Ifigenie v Tauridě, pořádaného v Drážďanech 1908. Jmenovaná firma vydá též fonografické cvičebné texty pro kursy. — **V Paříži** konala se schůze cizozemských Esperantistů za účelem založení kanceláře, která by propagovala Esp. mezi cizinci do Paříže zavítavšími, poskytovala hostům Esper. pokyny a dokazovala tak praktickou cenu Esperanta. Informace sdělí Michel Roman (Turko) Paris V. 18. rue de la Harpe. — Přípravný výbor 2. katalanského kongresu E. vypisuje literární konkurs: v čele rozhodčí komise jsou předáci tarragonští. — Orgán jap. svazu „Japana Esperantisto“, který na nějaký čas přestal vycházeti, vyšel opět v obvyklé úpravě. - V **Toulonu** (ve Francii) oznamuje obchodní dům Bozon-Verduras na svých tiskopisech: Prosíme cizí korespondenty, aby nám psali francouzsky nebo neznají-li francíny, esperantsky. Na třicet firem toulonských bylo během týdne získáno Esperantu. Rakouský **„Aeroclub“** ve Vídni přijal návrh kap. Engela, aby nejen ve 13 živých jazycích, ale i v Esperantu byla na legitimacích rakouských vzduchoplavců uvedena věta: „Občanské i vojenské úřady jsou žádány, aby poskytly ochranu a pomoc majetníku této legitimace.“ — Známý švýcarský učenec prof. **Forel** věnoval ve své nejnovější brožuře „Kulturní snahy současné doby“ Esperantu dvě kapitoly. — **V Lipsku** byla založena nová Esperantská Propagační Centrála za vedení p. K. Steiera (Kaiser Wilhelmstr. 15.), mající na skladě veškeré spisy esperantské. — Pařížský časopis **Esperanto-Nouvelles** (La Movado) uveřejňuje pravidelně posudky vynikajících literátů, státníků a umělců francouzských o Esperantu; značně posloužila informaci těchto kruhů kniha E. Archdeacona „Proč jsem se stal Esperantistou“. — Strážníci král. **policie španělské** mají právo nositi esper. odznak na znamení, že mohou posloužiti cizincům mluvícím esperantsky. — **Španělský ministr** vyučování sdělil několika předním našim stoupencům, že jest přesvědčen o užitečnosti Esperanta a že má na mysli otázku jeho zavedení do škol. — Rovněž ministr

vyučování v **Manitobě** (Canada) předloží v brzku stejný návrh parlamentu. — **Irská** společnost pro umění a průmysl zařadila Esperanto mezi předměty zkušební. — Dr. Carlos Restrepo, president rep. **Kolumbie** přijal protektorát zemského Svazu Esperantistů. — V **Grenoblu** byly letos pořádány kursy Esperanta na vyšší chlapecké škole se 70 posluchači, na vyšší dívčí škole (90) a v několika školách elementárních (500 posluchačů). — V **Londýně** jest pořádáno 37 kursů. – Bankovní dům Gebr. Arnhold v **Drážďanech** zařídil na hygienické výstavě esperantské oddělení. — Úřední statistické dotazníky dep. Nord ve **Francii** obsahují rubriku, v níž mají ředitelstva škol odpověděti na dotaz, zda na jejich ústavech vyučuje se Esperantu. — Na začátku června konají se esp. kongresy: v Lübecku 6. německý, v Charleroi 3. belgický, v Curychu švýcarský, v Le Mansu západofrancouzský. — Orgán **lékařů** Esp. „Voĉo de kuracistoj“ uveřejnil zajímavou anketu o účasti lékaře v souboji. Četné původní esp. odpovědi nebo přeložené z jiných jazyků byly otiskovány ve 20 národních odborných revuích. — Orgelbrandův Encyklopaedický **slovník polský** obsahuje v Dodatcích podrobné informace o Esperantu. — Čestnými předsedy II. **Italského** kongresu Esp. v Janově, pořádaného koncem května, byli: starosta Janova, president přístavní rady, pres. obchodní komory a kr. inspektor škol. — **Srbský** Esp. spolek pořádá kursy na universitě, na technice a na vyšší obchodní škole pro 200 účastníků — **Španělská** armáda čítá na 100 Esperantistů kromě 20 námořníků a 50 členů Červeného Kříže: král i královna, generál markýz Polaveja a býv. ministr Paciera jsou horlivými příznivci našich snah. Esperantu se vyučuje ve škole generálního štábu, ve vojenském lékařském ústavu, ve škole Červeného Kříže a v klubu pozemního a námořního vojska. — Spolek „Universala Ligo“ ve **Washingtoně**, jehož vytčeným úkolem jest sbratření národů, přijal Esperanto za jazyk jednací. – Časopis „New Haven Union“ ve Spojených Státech přináší pravidelně v neděli kroniku esperantskou. — Aviatická společnost ve **Vladivostoku** v Rusku zavedla esp. korespondenci. Tamtéž ustavil se spolek čínských, japonských a ruských dělníků-Esperantistů.

## SEN TITOLO.

KIEL ONI POVAS HELPI NIAN AFERON? Inter la multaj rimedoj, kiel vi povas servi Esp., ni citu krom la paroladoj regulan aŭ almenaŭ neperiodan publikigon de artikoloj en viaj lokaj gazetoj, kiel la plej efikan. Se vi havas iun konaton en vicoj de jurnalistoj, turniĝu al li kun peto, ke li rekomendu al la redaktoro de sia gazeto vian (aŭ viajn) artikolojn pri Esperanto kaj se vi povas, vizitu la redaktoron mem kaj klarigu al li la signifon de nia movado. Kion skribi en la rubriko? Certe la plej interesaj estas la sciigoj pri la movado fremdlanda, ĉar kompare al nia enlanda movado ili estas grandegaj. Kie ĉerpi la informojn pri tiuj ĉi rimarkindaj okazintaĵoj? Nia revuo povas provizi vian rubrikon per sufiĉe da materialo; se vi sukcesus represigi almenaŭ en unu

gazeto de via urbo la kronikon „Z celého světa", vi atingus rezultaton kontentigan. Nia revuo estas fondita por tiu celo, ke ĝi helpu niajn propagandistojn kaj tiel vi neniel bezonas demandi de la redakcio permeson por povi kopii iun propagandan artikolon. Estas sole dezirinde, ke vi aldonu al ĉiu simila sciigo la fonton.

EN LA AŬSTRIA PARLAMENTO havos laŭ la nuna stato Germanoj 233 deputitojn, Bohemoj 107, Poloj 82, Rutenoj 33, Slovenoj 24, Italoj 19, Serboj kaj Kroatoj 13, Rumanoj 5. Laŭ justeco havus Germanoj 187, Bohemoj 122, Poloj 83, Rutenoj 63, Slovenoj 24, Italoj 15, Serboj kaj Kroatoj 14, Rumanoj 4. Sume 516 deputitoj

En fino de marto 1911 arangis la BOHEMA SOCIETO TEOZOFIA EN PRAHA kurson de Dr. R. Steiner el Berlin pri la temo: „Okulta fiziologio". Partoprenis Bohemoj, Germanoj, Angloj, Svedoj kaj Danoj, sume 240 personoj. La paroladoj estis farataj en lingvo germana. Oni demandis D-ron Steiner, ĉu li aprobas la propagandon de Esperanto en vicoj teozofaj. La fama filozofo konsideris la aferon tiel grava, ke li pli multe da tempo por ĝi rezervis, ol por la aliaj demandoj. Li publike respondis, ke la movado celanta akceptigi unu lingvon por rilatoj internaciaj estos subteninda, kaj ke li mem ne hezitus uzi Esperanton por disvastigo de la teozofiaj ideoj. La klopodojn de la reformistoj li energie kondamnis. — Dr. Steiner, gvidanto de la teozofia movado en Eŭropo, ĝuas pro siaj profundaj scioj famon de la plej supera aŭtoritato ĉe siaj adeptoj, por kiuj lia opinio estas tre ofte decidiga. Pro tiu kaŭzo lia supre citita eldiro esperebla multe helpos la propagandon de nia lingvo inter la teozofoj.

POEZIA TELEGRAMO, kiun sendis s-o K. Závodský al sia kuzino f-ino A. Závodská, fervora Esperantistino el Humpolec, okaze de ŝia edziniĝo:

Jen koron al koro
Himena favoro
ligas intime!

En amo la torto!
La vojon de sorto
iru sentime!

(La redakcio tutkore aliĝas.)

(Verkis K. P.)

# PRI LA ESPERANTA TRADUKO DE LA BIBLIO.

*Kiel konate, nia Majstro publikigas en „La Revuo" tradukon de la Biblio, kies apartaj libroj aperos kiel memstaraj volumoj. Tre interesa estas la antaŭparolo al la ĵus eldonita libro unua „Genezo", en kiu la glora tradukinto diras:*

Mi opinias, ke estas plej necese, ke ni kiel eble plej baldaŭ posedu bonan tradukon de la tuta Biblio. Kian ajn vidpunkton ĉiu el ni aparte havas pri aferoj religiaj, neniu (eĉ plej granda malamiko de ĉia religio) povas nei, ke el la tuta ĝisnuna literaturo de la homaro la plej grava verko sendube estas la Biblio kaj posedi ĝin en bona esperanta traduko estus por ni afero eksterordinare grava. La ĉefaj kaŭzoj de tiu graveco estas:

1. Neniu libro estas tiel konata en la tuta civilizita mondo, kiel la Biblio: kaj se ni povus montri al la mondo, ke Esperanto posedas la tradukon de la tuta Biblio, tio estus por ni tre potenca propagandilo. 2. Neniu libro havas en la tuta civilizita mondo tiom multege da adorantoj, kiel la Biblio: sekve la posedo de la Biblio estus por nia literaturo pli grava akiro, ol la posedo de multoble pli granda kvanto da aliaj verkoj. 3. Neniu libro havis en la historio de la homaro tiel grandegan signifon, kiel la Biblio: sekve jam de vidpunkto pure historia kaj socia ĝi devas havi grandan intereson por ĉiu homo; mi estas konvinkita, ke multaj personoj, kiuj ĝis nun eble neniam legis la Biblion en sia nacia lingvo, kun intereso legos ĝin en bona esperanta traduko. 4. Por la plimulto de la nuntempaj kulturaj lingvoj la Biblio estis la ĉefa bazo, sur kiu la lingvoj literaturiĝis kaj disvolviĝis; tial ankaŭ por nia lingvo sendube estos tre grave, se ĝi posedos en si en plena tuteco tiun bazon kun ĉiaj multaj vortoj kaj esprimoj, kiuj fariĝis elementa necesaĵo por ĉiu nuntempa kultura lingvo. 5. Ĉar ĉiu povas tre facile havi la tradukon de la Biblio en sia nacia lingvo kaj komparadi ĝin kun la traduko esperanta, tial por ĉiuj popoloj de la mondo la esperanta traduko de la Biblio povas esti tre oportuna kaj bona rimedo, por facile kaj fundamente ellerni Esperanton, rimedo precipe grava por tiuj multaj popoloj aŭ popoletoj, kiuj ne havas ankoraŭ tute bonajn kaj fidindajn lernolibrojn de nia lingvo.

Pro ĉiuj diritaj kaŭzoj mi jam antaŭ longe intencis komenci sisteman tradukadon de la Biblio. Lasante la Novan Testamenton al aliaj, pli kompetentaj tradukontoj, mi elektis por mi la Testamenton Malnovan, ĉar la lingvon, en kiu estas verkita ĉi tiu parto de la Biblio, mi konas, laŭ mia opinio, en sufiĉa grado, por ke mi povu entrepreni la tradukadon. Sed kiam mia laboro estis jam komencita, fondiĝis la Esperantista Biblia Komitato. Tial, ne dezirante enmiksi min en aferon, kiu devas aparteni al personoj pli kompetentaj, mi nur finis la komencitajn „Psalmojn" kaj „Sentencojn de Salomono", kaj mi haltis, esperante, ke la Biblia Komitato baldaŭ donos al ni bonan tradukon de la Biblio.

Bedaŭrinde, pro diversaj malfavoraj cirkonstancoj kaj pro granda malfacileco de la tasko, la Biblia Komitato ĝis nun ne

povis multe fari. Doni ion nebonan la Komitato tute prave ne volis kaj la donado de io bona montriĝis pli malfacila, ol oni povis supozi. Tial, ne dezirante, ke ni tro longe vane atendu la tradukon de la Biblio, mi demandis la Biblian Komitaton, ĉu ĝi trovas bona, ke mi mem komencu la tradukadon de la Malnova Testamento. Kiam el la ricevita respondo mi vidis, ke la Komitato plene kaj sincere aprobas mian intencon, mi komencis traduki.

Kelkaj legantoj eble miros, ke ili ne trovas en mia traduko la vortojn „la Sinjoro“, al kiuj alkutimiĝis ilin ilia nacia lingvo; ili eble supozos, ke mi faris arbitre ian ŝanĝon en la teksto; tial mi devas doni kelkan klarigon. Parolante pri Dio, la Biblio uzas la vortojn „Jehovah“ (Estanto, Eternulo) kaj „Elohim“ (Potenculo). Ĉar la antikvaj hebreoj, ĉirkaŭitaj de idolistoj, pensis, ke „Jehovah“ estas la „nomo propra“ de speciale hebrea Dio, kaj elparoli sen grava neceseco la nomon de Dio estis malpermesite, tial ĉe la antikvaj hebreoj aperis la kutimo, ke, skribante „Jehovah“ ili elparoladis „Adonaj“ (mia Sinjoro). Sed ĉar la idolista tempo, kiu postulis por la hebrea Dio ian apartan nomon propran, jam delonge pasis, kaj ĉar la titolado de Dio per „Sinjoro“ (titolado, bazita ne sur ia religia postulo, sed nur sur malĝuste komprenita kutimo) estas io tro triviala kaj profananta (precipe en la tre ofte renkontata kuniĝo „Sinjoro Dio“), tial mi trovas, ke la sole ĝusta traduko por „Jehovah“ estas „la Eternulo“.

*L. L. Zamenhof.*

# BOHEMOJ SUR LA TUTMONDA FORUMO.

Nia malgranda nacio travivis en la jus pasintaj tagoj momentojn de ĝoja atendado, emocio kaj sentojn de speciala fiereco. Ni estas nacio, kies fato estas tragedio, kiu en la historio de homaro ne ofte ripetiĝas, nacio, kies filoj donis al la homaro fundamentojn de la plej bela humanismo, kaj kiu mem sur sia korpo dum jarcentoj sentis la krudan pugnon de uzurpantoj, kiel mokon por ĉiuj la noblaj ideoj, kiuj ekĝermis en la nobla karaktero kaj koro de niaj gloraj antaŭuloj. Sed la Genio de Slavaro ne lasis finsuferi al nacio, kiu plenumis tiom da admirindaj taskoj, kaj kies rolo ne estis finludita per epoko de Hus kaj Comenius. Vero, por kiu niaj plej bonaj filoj sciis oferi sangon kaj havajon, kreskigis la plej belajn florojn. El ĝi ni ĉerpis en la malĝojaj tempoj, plenaj de malespero kaj rezigno, forton por la plua vivo. El la historio ni ĉerpis fortigon, volon kaj fieron, kiu post du jarcentoj vekis nian bonan popolon por nova, bela kaj eble ankaŭ pli feliĉa plua vivo. La jaroj de stagnacio pasis kaj hodiaŭ en koro de Eŭropo, tie, kie en la mezepoko estis fokuso de civilizacio kaj artoj, leviĝis la

nacio bohema por revivigi la glorajn tradiciojn de pasinteco. Pasis jam la jaroj de muta sindoniĝo, ni sopiras, ke ni stariĝu fortaj apud la fortaj, kaj ke ni malebligu por estonto la plej humiligan subiĝon. La bohema nomo, ĝis la lasta tempo preskaŭ forgesita, refoje komencas brili per lumo la plej brila. Estas malmulte da fakoj de homa laboro, kie ni ne partoprenus per nia agemo. La lastaj tagoj notas novajn sukcesojn sur la kampo de korpa edukado kaj de aviado, de la gravaj faktoroj de la moderna penado kultura. Ni akompanis kun la plej bela bondeziro la bravajn bohemajn Sokolojn antaŭ la forumon de la tutmonda ekspozicio de Torino, angore timante, ĉu la malfavoro de Sorto ne senigos la entuziasmajn propagandistojn de la ideoj de Tyrš kaj Fügner je frukto de ilia laboro. La samaj sentoj akompanadis la kuraĝan projekton de popularа, modesta inĝeniero Kašpar ĉe lia provo pri la plej longa interurba flugo en nia monarĥio kaj ne malpli scivole ni atendis la futbalan ludon bohemo-skotan. Danke la favoran Sorton ni aŭdis pri sukceso, kiu superis eĉ niajn plej fantaziajn songojn. En la tutmondaj gimnastaj konkurencoj italaj triumfis laboro sokola la plej brile, la Bohema grupo aligis novan folion de nemortanta gloro al la laŭroj gajnitaj en Parizo, Nancy, Lucemburk kaj Londono, alportinte la unuan premion el la internacia gimnastika konkurenco antaŭ la plej bonaj luktistoj alinaciaj. Miron kaj emocion vekis la grandioza 120 km flugo de Kašpar (Pardubice-Praha), kiu ŝovis antaŭen la boheman aviatikon je rimarkinda distanco, garantiinte al ĝi inter la nacioj eŭropaj honoran lokon. La bohema futbalo, kiu dum jaroj batalas pri sia memstara ekzisto, surprizis la mondon per brila sensacia sukceso, kiam la bohema skolo futbala venkis la skotan. Kiel la lasta triumfo de la bohema sporto estu notita la Eŭropa majstreco en futbalo gajnita en Roubaix. Ĉi tiuj unuopaj sukcesoj estu al ni por estonte kiel potenca risorto, ke ni ĉiam estu kondukataj per la klopodo dediĉi niajn plej bonajn fortojn al servoj de la kara patrujo.

*(El „České Slovo“ 15. V.)*

# BIBLIOGRAFIO.

Paul Spaak: *Kaatje,* kvarakta teatrajo trad. de Dr. W. van der Biest. Eld. Hachette & Cie, Paris (110 pĝ. 15 × 20). Prezo K 2·50. La ludo estos prezentita ĉe la VII. kongreso en Antwerpen kaj servos sekve diskonigi ĉi tiun verkon de belga aŭtoro same, kiel „Mistero de doloro“ konatigis nin kun la kataluna aŭtoro A. Gual. La stilo estas flua kaj ĉar la ludo estos prezentita sur la scenejo de profesiaj geaktoroj, ĝi certe triumfos ĉe la kongreso. (Sole la unua linio meritas rimarkon; ĉu iam Zam. skribis: „ĉe la selon ni ĝin alfiksos“; ni pli facile komprenas : al la selo). — René Vermandere: ***Formortinta Delsuno rakontita de li mem*** (Zaliger

van Zon door hem zelf). Trad. O s c a r v a n S c h o o r (118 pĝ. 14 × 19). Eld. Centra Esp. Belga Oficejo, Antwerpen. 20. Vondelstraat. Prezo K 2·40. Kun orig. lignogravurajoj. En deksep ĉapitroj rakontas la flandra aŭtoro ĉion, kio okazis al la mortinta heroo, iu panisto el lia kvartalo, de la momento, kiam ĉi tiu elspiris lastfoje ĝis kiam la tombeja fosisto starigis krucon sur lian tombon. La humorplena kaj samtempe filozofia libro estas tre rimarkinda kaj leginda: la esperanta traduko estas klara kaj instruas la leganton pri multe da interesaj, figurplenaj proverboj kaj dirmanieroj de la flandra lingvo. Klarigaj notoj je fino de la volumo ebligas tujan komprenon de ĉio (pĝ. 105: krio eliris la brusto n?? eliris el la brusto! La formo de akuzativo estas uzata por montri la direkton a l la celo). — L a B i b l i o: *Genezo*. El la originalo tradukis Dr. L. L. Zamenhof (120 pĝ. 15 × 20). Eld. Hachette & Cie, Paris. Prezo 2 K. Aliloke ni skribas pri tiu ĉi grandega kaj nemortebla laboro de nia Majstro, per kiu li riĉigos nian literaturon. Legu kun la bohema teksto en la mano, komparu kaj vi lernos! — M i k a e l o C a s e s: *Mistera Krimo*, amuza unuakta komedieto (37 pĝ. 12 × 18). Prezo 1 K. Barcelona, Salmeron 229. La teksto ne estas senerara kaj legante, oni faletas m u l t l o k e je pekoj de aŭtoro, kiel ekz.: tablo enhavante botelojn (anst. enhavanta), venis tiun alian, la mano simulante krucon, ĉu via aĝo (anst. kiel aĝa?), vi estis dirante, ne estas nenia dubo al mi k. t. p. — L a S t e l o B o s n i a: *Esperanta Gvidlibro tra Bosnio kaj Hercegovino* (34 pĝ. 12 × 18). Prezo 40 hel. Unu el la plej belaj esp. gvidlibroj, ornamita per 30 bildoj sur glata papero. Bonega teksto kaj eleganta eldono garantias al ĝi plenmerite la intereson de ĉiuj samideanoj. La sama societo eldonis ŝlosilon kroatan: Ključ Esperanta por 5 h. — „Pola Esperantisto“ eldonis polan ŝlosilon: Klucz Esperanto. — I n t e r n a c i a e k s p o z i c i o p o r v o j a ĝ o k a j t u r i s m o e n B e r l i n 1911: *Taglibro de barono Hans von Grotewill*. Laŭ la germana teksto de F. F r e u n d esperantigis A. B e h r e n d t (32 pĝ.). Reklama broŝuro pri la ekspozicio en formo de rakonto bonstile verkita. — *Esperanta konversacio en 1000 frazoj*. Laŭ Coppet aranĝis F. Štěpánek (119 pĝ. 12 × 18). Eld. M. Knapp, Karlín. Prezo K 1·50. Souběžné překlady 1000 vět česko-esperantských o různých otázkách praktického života. — E d m. P r i v a t: *Du paroladoj*. Kun antaŭparolo de prof. Th. Cart (15 pĝ. 13 × 19). Eld. Presa Esp. Societo Paris. Prezo 25 hel. Ni rekomendas varme al ĉiu legi tiun ĉi broŝuron pro la sanaj ideoj kaj flua stilo, per kiu la aŭtoro traktas la elektitajn temojn: „Vivanta lingvo de vivanta popolo“ (Barcelona 1909) kaj „Pri la vivo de Esperanto“ (Augsburg 1910).

**KORESPONDANTOJ**: *43. S-o R. Rottmann, stud. gimn. *Stendal*. Schönbeckstr. 15. G e r m a n u j o. — *44. S-o Fernand Meyer, *Strassburg*, Gr. Stadelgasse 24. G e r m a n u j o (let., tuj. resp. — *45. F-ino Klara Mehr, *Zahlotów*, G a l i c i o. — *46. S-o R. Wohlstadt, *Kiel*, Wrangelstr. 45. G e r m a n u j o (por membroj de la Kiela Grupo Esp.) — *47. S-o J. U. C. Alfred Siebenschein, *Wien*, XVII./1. Centra Viena Esperantejo (dez. ricevi il. k. kun tipoj kaj kostumoj, bildojn el la bohema historio; resendas artistajn kartojn aŭ laŭdezire aliajn el Wien). — *48. S-o John C. Vasselin, *Blossburg*. Tioga Co., Pa., U. S. A m e r. (il k., let.). — *49. S-o M. Milkowitz. Struvestr. 26. *Görlitz*, G e r m a n u j o. — *50. F-ino Lillian Tůma. 1849 Ashand Ave. *Chicago*, Ill. U. S. A. — *51. S-ino Alice M. Boies, 1305 E. 7th St. *Sedalia*, Mo. U. S. A. (ĉiam resp.).

**Č. Č. E.** o prázdninách **nevychází**. Č. 6. vyjde kolem **15. července.**

---

Eldonanto: Ed. Kühnl. - Presejo de Národní tiskárna a nakl. JUDr. Edvard Jan Baštýř a spol. Praha.